Jaro VII * N.º 73ª Januaro * 1910

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

Augusto Jimenez Loira

PINTOR LÓPEZ, 3 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos



F-ino Amy Elisabeth Luty

44, Drewry Terrace, Keighley—Anglujo





S-ino Joseé Guivy

104, George-Sand, Tours (I et L)

Francujo

# MULTAJN FELIĈAJN JAROJN!

# POEZIO, KIU GAJNIS LA PREMION DE «LA SUNO HISPANA»
## en la Floraj Ludoj de la Kvina Kongreso

### AMO PATRINA

Post klopodegoj de labora tago,
junulo dormis en la paca hejmo.
Noktmezo longe preterpasis jam,
kaj sonĝoj traflugetas lian cerbon.
Jen, ĉu vi povas vidi la rideton
sur la vizaĝo lia? Kion dolĉan
la sonĝa bildo montris al li ĵus?
Ĉu ne feliĉaj la mienoj estas?
Jes, vere feliĉegaj! Ĉar en sonĝo
li ĵus ekvidis idealon sian!
Plej bela virgulino, ĉarma, dolĉa,
kiel feino, staras antaŭ li.
Lin frenezigas nigraj du okuloj,
serpentsimilaj bukloj noktkoloraj,
figuro netuŝebla, kaj vizaĝo
sanforma, kiel ĉiam al si mem
li sian idealon imagadis.
Nur iom tro majesta ŝi aspektas,
tro mempersona; tamen ŝi forlogis
jam lian koron, kaj ĝin pereigos!
Ĉar li ŝin amas arde, senprudente;
kaj ĉion, kion ŝatis li antaŭe,
forgesis li: honoron kaj amikojn,
parencojn ankaŭ, kaj alian ĉion,
kaj unu eĉ personon... la patrinon!
Ĉu vere? Ĉu vi kredas tion ebla?
Ĉu estas ia homo sur la tero,
kiu forgesus la patrinan amon?
Ne, mi ne kredas! Ĉar neniam ja
ekzistos amo kiel la patrina,
pli pura, sindonema, sinforgesa
kaj fidelega ĝis la morto mem!
Sed ve! Terura tento la junulon
forrabas al piedoj de l' virgino,
kaj li kun trema koro ŝin demandas:
«Ho diru, kiel vin mi povas gajni!
»postulu, kion vi deziras ajn,
»mi ĵuras, ke mi tion tuj plenumos!
»Al vi mi apartenas tutpersone;
»por gajni vin, mi farus krimon eĉ
»plej grandan; nur vin lasi mi ne povas!»
Jen, kion ŝi respondas? Kun rideto
ŝi prenas lian manon kaj ekdiras:
«Mi aŭdis vian ĵuron! Nun, alportu
»al mi la koron de l' patrino via!

. . . . . . . . . . . . . . . . . .
»La koron de l' patrino vi alportu!
»Jen, vi hezitas! Vi rigardas min
»subite per okuloj de l' frenezo!
»Ĉu vi memoras bone vian ĵuron?»
Sed la junulo ŝin rigardas nur
kaj ne ankoraŭ scias, kion pensi.
Sed vana estas lia kontraŭstaro;
la nigraj du okuloj lin katenas
kaj lin sklavigas per diabla forto.
Li sentas la rigardon de l' infero,
potenco nekonata lin superas...
kaj lin fortrenas al terura krimo!
. . . . . . . . . . . . . . . . . .
Kaj poste, jen li kuras tra la nokto
senluma, kaj furioj ĉasas lin:
li portas en la manoj sangan koron,
ankoraŭ, kiel en la brusto, varman,
la koron de l' patrino. Sed li aŭdas
en si la voĉon de l' ĉiela juĝo:
«Krimulo! por eterne pereonta!»
kaj li rapidas, li forkuri volas
al tia voko de la konscienco;
sed li denove ĉiam devas aŭdi
la diajn vortojn jen: «Vi ne mortigu!
»Vi honorigu patron kaj patrinon,
»por ke vi bone fartu sur la tero!»
Sed pluen li forkuras, nur antaŭen,
li rapidegas, kaj ne zorgas vojon...
subite la piedo trudas forte
al ŝtono, li faletas, kaj li falas
per peza skuo sur la teron, jen!
La koro de l' patrino ankaŭ falas
el lia mano, kaj sur teron glitas.
Sed, mire! jen li aŭdas mildan voĉon,
la voĉon el la koro de l' patrino:
«Infano, ĉu dolore falis vi?»
. . . . . . . . . . . . . . . . . .
Kaj li vekiĝas el terura sonĝo,
ĉar la patrino staras antaŭ li
kaj diras: «Ho infano, ĉu vi dormis
»malkvietege? mi vin aŭdis ja
»kriatan en la sonĝo, mia kara!»
Sed li leviĝas, kaj per trema voĉo
elpremas unu vorton nur: «Patrino!»

Originale verkita, laŭ popula rakonteto.—13-2-1909.

RUDOLF SPROTTE.

# Lia Reĝa Moŝto Alfonso XIII-a, esperantisto

La Prezidanto de la Madrid'a Grupo Esperantista, vizitis La Hispanan Reĝon por donaci al li la numeron de la esperantista gazeto *La Revuo*, kiun ĝia redakcio dediĉis al li, lukse bindita, kiel Honora Prezidanto de la Va Kongreso.

Dum la interparalado la prezidanto de la Madrid'a Grupo, faris mallongan raporton pri la Kongreso kaj Postkongreso. La Reĝo, kiu kore aprobas nian celon aldonis, ke li lernis iom esperanton, kion li pruvis, per legado kaj tradukado de pecon el la gazeto al li donacita, kaj ankaŭ Li diris, ke estus konsilinde la lernado de esperanto al la diplomatiistoj; poste, la prezidanto de la Grupo, je la nomo de Doktoro Zamenhof, dankis La Reĝon, pro la honoro, kiun Li faris al nia kara majstro nomante lin Komandoro de Elisabetho'la Katolika, kaj La Reĝo respondis, ke tio ne meritas dankon, ĉar li nur faris iom da justeco al la granda merito de la elpensinto de nia lingvo, kiun li ne povas ellerni, Li diris, pro la multegaj okupadoj kiujn li havas.

# S. M. El Rey Alfonso XIII, esperantista

El Presidente del Grupo Esperantista de Madrid, visitó al Rey de España para regalarle el número de la revista esperantista *La Revuo*, que la redacción de ella le dedicó lujosamente encuadernada, como Presidente Honorario del V.° Congreso.

Durante la audiencia, el presidente del Grupo de Madrid, hizo una breve reseña del Congreso y Postcongreso. El Rey, que cariñosamente aprueba nuestros propósitos, añadió, que él ha estudiado algo el esperanto, lo cual demostró leyendo y traduciendo un trozo de la revista que le había sido regalada, y también dijo, que vería de aconsejar el estudio del esperanto á los diplomáticos; después, el presidente del Grupo, en nombre del Doctor Zamenhof, dió gracias al Rey por el honor que le había hecho á nuestro querido maestro nombrándole Comendador de Isabel la Católica, y El Rey respondió que ello no merecía agradecimiento, porque él solamente había hecho algo de justicia al gran mérito del inventor de nuestra lengua, la cual él no puede aprender á fondo, dijo, por las muchísimas ocupaciones que tiene.

# Pri la Va Internacia Kongreso de Esperanto

## Impresoj de Kongresano

Malfavoraj cirkonstancoj mortminacis ĉiumomente la kvinan Kongreson dum la lastaj antaŭsemajnoj de la dato difinita por tiu ĉiujara okazintaĵo.

Ŝajnis ke la dio de la Malsukceso amuziĝas superŝutante nin per ĉiaj malfeliĉigiloj, kiajn li posedas por tiu celo. Hispan-Maroka longedaŭra milito, ribeloj en la Kongresurbo, permilitista regado, trograndigitaj teruraj sciigoj, timo, suspektoj kaj aliaj bedaŭrindaĵoj por ni hispanoj kunmikse amasiĝis, por ruinigi nian kvinan Kongreson.

Estis necese kunigi ĉiajn pacigajn ecojn de Esperanto por atingi la grandiozan kaj brilantan sukceson, kiun nia kvina trafis.

LA SUNO HISPANA en sia Oktobra numero jam raportis kvazaŭ telegrafe (pro tempa devigo) la okazintaĵojn de la kvina Kongreso. Mi intencas nun raporti pli detale miajn personajn impresojn pri kelkaj brilantaj okazintaĵoj de tiu neforgesebla Kongreso. Mi ne priskribos ilin laŭ rigora tagordo de efektivigo, tion ja faris LA SUNO HISPANA, la memoro estos mia helpanto por tio.

## Prezentado de «Mistero de Doloro» Triumfo de la Internacia Teatro

Malgraŭ mia fervoro kaj fido al la taŭgeco de Esperanto, mi neniam povis imagi la grandan sukceson, kiun en la Teatro atingas nia helpa lingvo. Mi vidis argumenton disvolvitan en Esperanta lando; mi aŭdis la lingvon Esperanto elparolita tutsame kiel natura lingvo, mi ĉeestis la estontan internacian Teatrarton. Sinjoro Reicher, la aktoro kiu ludis kaj direktis la tragedion *Ifigenio*, esperante, dum la Dresdena Kongreso tre prave diris: «Ĉiuj artoj, aŭ preskaŭ ĉiuj, estas kvazaŭ internaciaj: la pentro, la skulpto, la gravuro, la muziko, eĉ la literaturo dank' al tradukoj, estas internaciaj; nur la dramarto estas severe enkatenita en la naciaj limoj! La agkampo de aktoro estas tiel malvasta, kiel la parolkampo de lia lingvo. Kia neesperebla progreso, kia gajno por la teatro, se iam fondiĝos la «Internacia Teatro» kies publiko estos la *Mondo!* Antaŭ kiam ekzistis Esperanto, tio estis nur sonĝo; sed nun la bela sonĝo efektiviĝos, kaj mi per ĉiuj miaj fortoj penados por ĝin realigi. Kia bela kronado de artista vivo estus la fondo, la starigo de internacia ĉie komprenata dramarto!».

La prezentado de *Mistero de Doloro* okazis en Teatro Romea la ĵaŭdon naŭan de Septembro je la 9.ª kaj 1/2 vespere.

Antaŭ la difinita horo la Strato Hospital, kie sidas la dirita Teatro, prezentas vivoplenan aspekton; el la Rambloj alfluas multope la zumanta internacia publiko sin direktante al la Teatro. La strataj muzikistoj ludas nian himnon *La Espero*, kaj ĉio esperigas ĝui ravan feston. Ĉe la pordo de la Teatro rajd-gvardistoj zorgas pri la bona ordo dum la eniro. Plej multaj el la balkonoj kaj butikoj de la strato Hospital, same kiel tiuj de la famaj Rambloj kaj stratoj de Borcelono, estas ornamitaj per esperantaj standardoj, drapiraĵoj, afiŝoj kaj aliaj elmontroj de la intereso, kiun por nia afero sentas la progreseman Barcelonan popolon. Ĉe la teatra pordo oni disdonas al la publiko paperajn standardetojn enhavantajn la programon (tiujn standardetojn oni disdonas en ĉiuj festoj, enhavantajn la ciŭtagan programon) broŝuretojn, prospektojn, k. t. p.

Enirinte en la Teatron mi restas mirigata antaŭ la bonstila kaj arta ornamaranĝo de la Teatro.

La loĝioj estas kunligitaj per multaj artaj florgirlandoj, kvazaŭ tiuj girlandoj estus simbole la ligiloj, kiuj kunligis niajn korojn; esperantaj flagoj, steloj, verdaj drapiraĵoj vidiĝas ĉiuloke, ĉio tre arte aranĝita! La publiko prezentas originalan aspekton, jes, kosmopolitan aspekton kiun tre malofte oni povas vidi. La riĉaj tualetoj kaj juveloj de la kongresaninoj ĉiuj surportantaj la tre videblan kongresan insignon beligas tian nepriskribeblan aspekton.

Je la naŭa kaj duono sin prezentas en la honora loĝio Dro. Zamenhof akompanita de lia simpatia edzino, sinjoro Pujula, prezidanto de la kongreso kun lia ĉarma edzino, sekretariino, kaj aliaj komitatanoj. Imponanta ovacio eksonas en la Teatro, unumove ĉiuj stariĝas kaj per unusenta impulso ĉiuj komencas kunkanti la himnon *La Espero.*

Finita la himno, sinjoro Bourlet, la eminenta direktoro de *La Revuo,* legis paroladon de sinjoro Adriá Gual, aŭtoro de la dramo tuj ludota *Mistero de Doloro*, per kiu li esprimas sian dankon pro la honoro atingita kaj salutas la ĉeestantaron. Li diras: «Mi neniam eĉ sonĝus similan aferon! Neniam mi imagus mian modestan dramon sub

juĝo de internacia publiko, kaj tiun mirindaĵon, kiu pasas ĉe mi, kaj kiun mi profunde ĝuas—tute kiel homo ĝuas la plej valorajn bonojn de la vivo,—mi ŝuldas al tiu, kiun ni ĉiuj sufiĉe konas, ĉar li estas parto de nia ekzistado, al homo kiu sciis kunigi sub unu solan standardon la ĉieajn homojn sin amantajn per la interkompreniĝado de la parolo, mi ĝin ŝuldas al Doktoro Zamenhof ĉi tie ĉeestanta, por kiu mi petas—laŭlogike kaj laŭsente—la unuan eksplodon de aplaŭdoj de tiu ĉi beninda vesperkunveno».

Poste li rakontas sian vivadon en Parizo kaj finas per jenaj vortoj:

«Saluton! Saluton!

Saluton al la Majstro! Saluton al lia apostola familio! Saluton al la venontaj generacioj, por kiuj ni pretigas ĉiun feliĉon! De post hodiaŭ, nia agada kampo plilarĝiĝas! Ni estas Viaj».

Eksplodo de aplaŭdoj resonas en la Teatro kiu devigas sin prezenti en la scenejon sinjoro Gual.

Kaj komenciĝas la prezentado de *Mistero de Doloro* Triakta Dramo verkita de sinjoro Adriá Gual tradukita el kataluna lingvo de sinjoro Fred. Pujulá y Vallés.

Oni povas diri, ke por mi estis tiu la definitiva elprovo, kiun mi deziregis ĉeesti, por konvinkiĝi pri la plena taŭgeco de Esperanto!

Mi nur diros, ke la ovacioj estis tiel oftaj kaj veraj, ke ili devigis ĉiumomente sin prezenti en la scenejon la aŭtoro, la tradukinto kaj la aktoroj, dum la aktoj kaj en la aktofinoj, por ricevi la varmajn aplaŭdojn per kiuj la internacia publiko premias ilian laboron. Ĉiuj aklamis al Zamenhof, ĉiuj aplaŭdis. Ĉiuj sentis samtempe, kaj ĉiuj esprimis siajn sentojn parolante saman lingvon, tiun de Zamenhof. La grandioza emociplena ovacio, la entuziasma manifestacio okazis en la fino de la prezentado. Longedaŭra eksploda ovacio resonis kaj samtempe la scenejo kovriĝas per floroj, kiujn la publiko enĵetis tien. La ovacio daŭras... daŭras... la kurtenego leviĝas kaj falas unu kaj alian fojon, la geaktoroj supreniras en la loĝion de Doktoro Zamenhof kaj emociplenaj lin ĉirkaŭprenas ĉiuj, kaj la ovacio ankoraŭ daŭras ĝis kiam la staranta publiko ripetas la himnon *La Espero*, majeste... solene... triumfe...

De intence mi lasis por la fino citi la nomojn de la spertaj aktoroj, kiuj tiel majstre ludis iliajn rolojn en *Mistero de Doloro*. Tre rajte ili meritis la longedaŭrajn aplaŭdojn per kiuj la internacia juĝantaro rekompencis ilian laboron kaj la multvalorajn memoraĵojn, kiujn Doktoro Zamenhof al ili dediĉis. Brave! por sinjoro Carles Capdevila, sinjorinoj Emilia kaj Antonia Baró, sinjoroj Lluis Puiggari, Carlo Urbez, Miguel Sirvent kaj Jozefo Monge, kies nomojn gravuriĝis en la Historion de la Internacia Teatro. Ilia elparolado kaj bonstila dirmaniero estas kapabla por konvinki eĉ la plej skeptikulojn!

En unu el la interaktoj la prezidanto sinjoro Pujalá sciigis, ke la Barcelona urbestraro en sia hodiaŭa kunsido decidis inviti la gekongresanojn al oficiala festo organizita je ilia honoro, okazonta la sabaton 11.ªⁿ en la Palaco de Belartoj je la 9.ª vespere. Por tiu festo la urbestraro voĉdonis kvinmil pesetojn.

Dankon!!!

## La Kongresurbo

Mi envenas Barcelonon Sabaton 4.ªⁿ kaj tre malĝoje mi sciiĝas ke Dro. Zamenhof jam ĉeestas en Barcelono de kelkaj tagoj kaj ke la Autoritatoj ne permesis ke oni faru manifestacian eniron al nia Majstro pro la tiamaj cirkonstancoj de Barcelono. Tre bedaŭrinda estis tia kontraŭaĵo, ĉar certe ke tiu manifestacio estus estinta multfruktoporta por nia afero. Belan aspekton prezentis la stratoj kaj placoj el Barcelono; miloj da esperantaj standardoj kaj ornamaĵoj vidiĝas ĉie. Ĉie oni nin akceptas tre gastame kaj ĝentile.

Dimanĉe matene, unua kongrestago, la famaj Rambloj prezentas vivoplenan kosmopolitan aspekton. El ĉiuj vagonaroj kaj vaporŝipoj envenas multope aroj de babilemaj gekongresanoj, kiuj plenigas la stratojn sin direktante al la *Akceptejo* obeante la ordonon el la afiŝoj fiksitaj en la stacidomo kaj tramvojoj: *Esperantistoj! Iru senprokraste en la Akceptejon. Palaco de Belartoj.* Tie oni elprenas la kongresajn dokumentojn.

## La oficiala Akcepto al Zamenhof

Inter aliaj okazintaĵoj, jam raportitaj de LA SUNO HISPANA, impresis min profunde la alveno de Dro. Zamenhof en la Palacon de Belartoj; je la dekunua kaj kvarono li eniras en la navon plenplena de gekongresanoj; la urba muzikbando ekludas la himnon *La Espero*, la entuziasmo debordiĝas, eksploda longedaŭra aplaŭdado resonas en la salonego. Tian Akceptan Kunsidon jan raportis LA SUNO HISPANA.

## Parolado de la oficiala delegito el la Valencia Urbestraro Doktoro Jozefo Aguilar Blanch

Dro. Aguilar Blanch, al kiu tiom ŝuldas la Valencia Grupo Esperantista, estas uno el la Urbkonsilantoj, kiu malgraŭ la senĉesa laborado, kiun postulas lia oficiala ofico fervore lernis Esperanton, kaj en malmulte da tempo li atingis enviindan personecon en la Esperantistaro. Konitaj estas jam de la legantoj de LA SUNO HISPANA la senfinaj klopodoj de tiu fervorulo por havigi al nia afero oficialan kunhelpon. Okaze de nia V^a^ Kongreso la Urbkonsilantaro nomis lin delegito oficiala de la Valencia urbkonsilantaro en tiu kongreso kaj jen lia parolado dum la malferma kunsido okazinta la lundon 6^an^ en la Palaco de Belartoj:

«Gesinjoroj:

Nomita de la Valencia urbestraro ĝia oficiala Delegito en tiu ci Kongreso, mi estas devigita ~~min~~ levi por fari al vi paroladon. Mi estas fiera fari ĝin en la nomo de la Konsilantaro el Valencio, ĉar ĝi estis en Hispanujo la unua urbo-konsilantaro, kiu donacis sian oficialan kunhelpon al la esperanta lingvo.

Jam de pli ol tri jaroj, ke ĝi, en la afiŝoj anoncantaj siajn famajn jarfoirojn, empresigas eldonon en Esperanta lingvo por ĝin sendi fremlanden kaj tiel, tiu-ĉi decido fariĝis jam regulo en ĝiaj agoj, tial ĉiujare estas por ĝi devigo eldoni serion da afiŝoj en nia kara lingvo, aldonante kune cirkulerojn esperante redaktitajn por la alsendo de la diritaj afiŝoj.

La bonfarada influo de tiu urbestraro por la helpo de nia lingvo ne konsistas nur el tio; de pli ol du jaroj la urbestraro subvencias la Esperantan Grupon el Valencio, por ke ĝi povu plenumi pli bone ĝian propagandan rolon pri Esperanto, difinante senpagajn kursojn por malriĉaj laboristoj.

Kaj fine:

En Valencio estis organizita la grandioza Ekspozicio per kiu la urbo montras al la enlandanoj kaj fremdlandanoj la ellaboraĵojn de ĝia kreanta energio. En ĝi la Valencia Grupo Esperantista instalis Esperantan Fakon por ke ĝi taŭgu kiel pruvo de la disvastigado de nia kara lingvo en Valencio.

La Grupo ŝuldas ankaŭ al la urbestraro la belegan salonon en kiun tiu instalis la Fakon Esparantan.

Ĝi estas parto de la grandioza Palaco de la Urbestraro de la Valencia Ekspozicio.

Pro tio mi diris al vi antaŭe, ke mi estas fiera poroli tie-ĉi en la nomo de la Valencia Urbestraro, ĉar la vojo de ĝi entreprenita estos sendube sekvata de ĉiuj Urbestraroj, kiuj sin priokupas pri la homaj progresoj.

Nur mankas al mi por fini, peti de vi, en la nomo de la Urbestro kaj en tiu de la

urba konsilantaro el Valencio, ke vi, kara majstro, kaj gekongresanoj ĉiuj, ĉeestu la Postkongreson, kiun kune la Grupo Esperantista kaj la Ekspozicia Komitato aranĝas je via honoro, en la urbo, kiu pro sia ĉielo, pro sia tero kaj pro sia maro, estas nomata la ĝardeno de Hispanujo kaj la Perlo de la Mediteraneo».

## La Floraj Ludoj

Du kongresaj festoj pruvis al la nekredema mondo, la taŭgecon de nia lingvo laŭ literatura vidpunkto. La prezentado de *Mistero de Doloro* kaj la *Floraj Ludoj.*

Se grandioza estis la sukceso de la teatraĵo *Mistero de Doloro*, ne malpli granda estis la sukceso de la *Floraj Ludoj.*

Antaŭ la kvara, horo definita por la komenco de la Poezía Festo, la ĉirkaŭaĵoj de la Borso prezentas la aspekton de la gravaj solenaĵoj. Rajdistaj Urbgvardianoj parade vestitaj staras vice ĉe la pordego.

La babilema gekongresanaro gaje sin directas al la festo. Multenombra scivolema popolanaro haltas por vidi la eniron de la elegantaj kongresaninoj kaj la originalan aspekton de la kongresanaro.

Interne, la aspekto estas majesta. Grandaj tapiŝoj, standardoj kaj drapiraĵoj esperantaj kaj katalunaj ornamas la murojn kaj pendas de la plafono kaj kolonegoj. La estrado havas majestan aspekton. Riĉaj drapiraĵoj kurtene aranĝitaj ornamas ĝin; ĉe la fundo, en la mezo, troviĝas la trona apogseĝo por la Reĝino de la Festo. La salonego estas plenplena de zumanta ĉeestantaro.

Je la kvara, la muziko lokita en la vestiblo ludas la himnon *La Espero* kaj eniras en la navon Dro. Zamenhof, akompanita de generalo Sebert, la prezidanto de la Floraj Ludoj S-ro. Bourlet, S-roj. Barono du Menil, Boirac, la prezidanto de l'Kongreso Pujulá Vallés, Sabadell, Bremón Masgrau, Sales Balmes, kaj aliaj komitatanoj.

Imponanta ovacio resonas en la salonego, kiu daŭras ĝis ĉiuj tiuj Sroj sin lokas en la estradon. En la Aŭtoritatanaj seĝegoj sidas la Urbestro de Barcelono Sro. Francisko Layret kaj la urbkonsilastoj Sroj. Peris, Fuster, Reig y Rovira, Morales, Cararach, Puig de Asprer, Sans kaj la okaza sekretario Sro. Janer. Ankaŭ prezidis la feston la Prezidanto de la Provinca Deputataro.

Sidas honorloke S-inoj Zamenhof, Rebours de Puĵulá, kaj aliaj distingindaj kongresaninoj.

La Urbestro per mallonga parolado malfermas la feston.

La Prezidanto de la Unuaj Internaciaj Floraj Ludoj Sro. Carlo Bourlet faras elokventan paroladon, per kiu laŭdas Dron. Zamenhof kaj lian gloran verkon kaj instigas la poetojn por ke ili uzu Esperanton, kiel internacian lingvon tre taŭgan por kanti la homan amon kaj ke ĝi iĝu vera reflekto de la universala amsento kaj homara interfratiĝo. Li tre laŭdis Barcelonon, ĉar estas ĝi la urbo en kiu okazas la Unuaj Internaciaj Floraj Ludoj. Longedaŭra aplaŭdado premias la bonegan paroladon de la prezidanto de la Floraj Ludoj.

Sinjoro Boirac, sekretario de la Floraj Ludoj legas la liston de la premiitoj kaj premiitaj poezioj. La unuan premion atingas sinjorino Marie Hankel, la tiom de ni konata kaj lertega germana esperantistino. Ŝian premiitan poezion jam publikigis LA SUNO HISPANA.

La duan premion atingis S-ro Edmond Privat, (Sviso), la nelacebla propagandisto. La poezio premiita estas *Sur la vojo de l' vivo.*

La tria premio estis por la anglo S-ro Bickell. La kvaran, donacita de la hispana Reĝa Moŝto Alfonso XIII atingis S-ro Chavet.

Poste la sekretario daŭrigis la liston de la premioj (*tridek-naŭ!*), kiujn atingis la kongresanoj gesinjoroj Laveri, Clerement, Rogensson, Oscar Vanschon, Bousson, Bria, Dalmau kaj aliaj figurante inter ili multaj kongresaninoj.

La inteligenta Prezidanto de la Valencia Grupo Esperantista, sinjoro Vicente Inglada Ors atingis premion por lia verko, kies devizo estas *Ne estas amo sen ĵaluzo.*

Emociplena ovacio resonis en la salonego.

Finita la disdono de premioj, S ro Bourlet faris mallongan dankeman paroladon finante per laŭta Vivu Esperanto!

La Urbestro fermis la feston kaj la muzikbando ekludis la himnon La Espero, kiun nore kantis la ĉeestantaro.

Tiel memorinda kaj sukcesplena festo finis per entuziasma manifestacio al Zamenhof. Poste la gekongresanoj plenigis la stratojn kaj kafejojn, formante gajajn rondojn ĉirkaŭ la kafejaj tabloj, interŝanĝante siajn aŭtografojn, vizitkartojn kaj manpremojn, kiel pruvon de la tutmonda interfratiĝo de la homaro, kiu nun komencas disvolviĝi en la mondo kaj neniu scias kien ĝi kondukos la homaron post kelkaj jarcentoj!

Barcelono, Septembro 1909.—NOVEJARQUE *(Anĝelo).*

# Bibliografio

*Adria Gual. Mistero de doloro,* dramo en tri aktoj, el kataluna lingvo tradukis Frederiko Pujulá Vallés. Esperanta Kolekto de «La Revuo». Prezo: 2 frankoj. Librejo Hachette kaj k.°, 79, Boulevard Saint-Germain, Parizo.

S-ro Pujulá montris veran lertecon elektante tiun ĉi impresan dramon por traduki, ĉar ĝi estas interesa kaj emociiga. Vidvino havanta filinon edziniĝis kun viro 28-jara. Kun granda ĉagreno ŝi konstatas, ke ŝia filino kaj ŝia edzo sin amas reciproke, kaj puŝata de malespero ŝi memmortiĝas. Tiu ĉi simpla dramo trafas profunde la koron de la publiko per sia grandiozeco, kaj dum la prezentado en Barcelono—kiu estis mirinde farita—ĝi ricevis grandegan sukceson, kiun ne forgesos ĉiuj, kiuj ĉeestis en la teatro.

*Unu fojon...* verkis Miguel Cases. (Salmerón, 229, 4.°, 2.ª, Barcelona). Prezo: 0'30 frankoj, ĉe la aŭtoro.

Kolekto de tre spritaj rakontetoj.

*Universala Esperantista Popolbiblioteko N.° 1.ª Naŭ historioj pri l' aŭtoritato laŭ Multatuli,* tradukita kaj provizita per klarigoj kaj notetoj de J. L. Bruijn. (170, Klepperstraat. Hago. Nederlando). Prezo: 4 spesdekoj.

Broŝureto 16—paĝa, kies enhavitaj historioj estas interesaj kaj spritaj.

*Aoro Stenografio internacia,* lernolibro por uzo en la lingvoj Esperanta, Angla, Franca, Germana, Rusa, Hispana, de Rudol Sprotte. Berlin Esperanto Verlag Möller & Borel. Prezo: 0'20 spesmiloj.

Tre interesa libreto en kiu ĝia aŭtoro klarigas en la diritaj lingvoj ĉiujn regulojn por uzado de la Stenografio Aoro de li mem elpensita. Ni varme rekomendas ĝin al niaj legantoj.

*Kiel ni plibeligos vivon?* originale verkita de «Saĝulo». Prezo: 0'25 spesmiloj. Eldonita de la Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin.

La aŭtoro prezentas en tiu ĉi interesa libreto kolekton da reguloj tre praktikaj kaj vere utilaj por plibeligi la vivon. Ĉiu legos do, tiun ĉi broŝuron profite kaj amuze.

*Memorandumo de la Ĝenerala Asocio de la Kuracistoj en Rumanujo pri la Kongreso de Budapesto.*

Interesa broŝuro en kiu oni detale klarigas kial la rumanaj kuracistoj detenis sin partopreni en la XVI Internacia Medicina Kongreso de Budapesto.

*La Geometrio «folietara»* aŭ nova teorio geometria pri la movo de l' korpoj en spaco, de René de Laussure (1.ª parto). Prezo: 0'25 spesm.

Tre interesa traktateto, kiu aperis jam en «Internacia Scienca Revuo» kaj ĉiuj amantoj de matematikoj ĝin legos tre plezure.

*Direktejo Ĝenerala de Statistiko*, Antaŭparolo de l' Bulteno Memoriga de la Ekspozicio Nacia de 1908, Río de Janeiro. Prezo ne montrita.

Por memorigi la centjaran datrevenon de la oficiala malfermo de la naciaj havenoj al la tutmonda komercado, la Brazila Registaro organizis la Nacian Ekspozicion de 1908, kiu estis plej sukcesa kaj montris la grandan progreson de Brazilujo en lastaj jaroj.

Por doni al ĉiuj nacioj ĝustajn sciigojn pri la Ekspozicio, oni decidis ke la Ĝenerala Direktejo de Statistiko verku raporton, kaj oni ĝin faris sub la nomo: «Memoriga Bulteno de l' Ekspozicio». Oni presigis ĝin trilingve: portugale, france kaj esperante.

La fakto ke oni faras luksan eldonon de la Bolteno en Esperanto estas gravega kaj laŭdinda kaj montras ke la Brazila Registaro konstatis jam la rimarkindan progresadon de la lingvo internacia kaj helpas enkonduki ĝin en la oficialajn eldonaĵojn.

*Edmond Privat, Ĉe l' horo de Eŭropo*, mallonga resumo pri la internacia rolo de Ĝenevo en la historio de moderna tempo. Prezo: 0'20 spesmiloj. Aĉetebla ĉe. Atar, Corraterie, 12, Genève.

Tiu ĉi broŝuro tre lerte verkita, okaze de la jubilea festaro en Julio de 1909, prezentas mallongan resumon pri la internacia rolo de Ĝenevo en la historia de moderna tempo, kiel montras ĝia titolo, kaj estas tre interesa kaj leginda. Ni rekomendas varme ĝin al niaj legantoj.

*Vocabulaire français-Esperanto technologique des termes les plus employés en photographie et dans ses rapports avec la chimie, la phisique et la mécanique* (edition corrìgèe) par Ch. Verax. Prezo: 0'75 fr., París, aux Bureaux de la Photo-Revue, 118, rue d' Assas.

La tre klara titolo de tiu ĉi verketo igas superflue, ke ni insistu pri la utileco, kiun povas prezenti tiaspeca libro por la interrilatoj inter malsamlingaj fotografistoj, kiel ankaŭ por la konado de la esperantaj gazetoj, kiuj difinas lokon al la studado aŭ disvastigado de la fotografaj metodoj.

La aŭtoro havis la laŭdindan zorgon antaŭmeti en tiu ĉi vortareto liston da afiksoj, dank' al kiuj Esperanto povas precize esprimi ĉiujn malsamajn nuancojn de la penso laŭ la vidpunkto, kiu nin koncernas, tio estas la studo pri la senluma kamero.

*Ednée Nodot, La Puntistino*, el la franka lingvo tradukis, Cécile Royer. Prezo: 0'10 spesmiloj, ĉe la Presa Esperantista Societo, 33, Rue Lacépède, París.

Tre bela rakonteto.

*Kolekto de «Lingvo Internacia»* Esperanta Versfarado kaj Rimaro, laŭ verkoj de D-ro Zamenhof kaj aliaj aŭtoroj en Esperanto verkita de J. Parisot kaj Th. Cart. (2.ª eldono). Prezo: 0'60 fr. (0'24 spesm.) Ĉe la Presa Esperantista Societo. París, 33, Rue Lacépède.

Tiu ĉi verko estas la dua eldono de la bonega Esperanta Versfaredo, kiun ĉiuj niaj legantoj bone konas; la aŭtoroj havis la bonan ideon almeti plenan rimarkon, kio igas la libron vere akirinda por ĉiuj amantoj de versfarado.

*Dum Kongreso*, unuakta komedio, originale verkita en Esperanto de D-ro F. Crozat (Givors). Prezo: 0'50, ĉe la Presa Esperantista Societo.

Tre sprita komedio, kiu rememorigas nin pri la feliĉaj tagoj de la Kembriĝa Kongreso. La tipoj, kiuj aperas en ĝi, estas tre bone pentritaj, kaj la situacio tre amuza, estas lerte tirita el realeco mem.

*La fianĉiniĝo de sovaĝulineto*, triakta komedieto originale verkita de Roksano, H. M. de E. V. K. Prezo: 0'60 fr. (0'24 spesm.) Eldonaĵo de «Tra la filatelio».

Tre sprita originala komedieto, kiun niaj samideanoj legos kun granda plezuro. La aŭtorino montras grandan lertecon por verkado kaj ni esperas, ke ŝi pliriĉigos nian lileraturon per novaj verkoj.

*Lingvo Internacia Esperanto.* Lernolibro por Turkoj. Prezo: 0'20 frankoj. Ĉe firmo Hachette kaj k.° París, 79, Boulevard S-t Germain.

Tre bona lernolibreto, kiu tre utilos por la disvastigado de Esperanto ĉe turkoj.

*Esperantista Poŝkalendaro por la jaro 1910ª.* Prezo: 0'40 spesmiloj. Ĉe firmo Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlín, S. W. Lindenstrasse 18-19.

Tiu ĉi bonega poŝkalendaro estas jam tre konita de ĉiuj Esperantistoj, ĉar ĝi aperis en 1908ª kaj 1909°. Ni rekomendas ĝin al ĉiuj, esperante ke ĝi ricevos ankoraŭ pli grandan sukceson, ol en la du pasintaj jaroj.

Ni ankaŭ ricevis: du numerojn de la «*Bulteno de Libera Penso, Internacia Societo Esperantista de Liberpensuloj*» kaj specimenon de la *Esperantista Murkalendaro por 1910ª*, kiu tre plaĉis al ni kaj estas rekomendinda. Ĝia prezo estas, 60 spesdekoj. Oni povas ĝin mendi al la eldonisto: S-ro J. L. Bruijn, 170, Kleppersstraat, Hago (Nederlando).

*1909.—Tutmonda jarlibro Esperantista kun la adresaro de D-ro Zamenhof kaj Esperantista Societaro (listo de la Konsulejoj, Societoj kaj Grupoj, kolektita kaj publikigita de la Esperantista Centra Oficejo, 51, Rue de Clichy, Paris. Kvina eldono). Prezo: 2'50 fr. Librejo Hachette et C.ie Paris. 79, Boulevard Saint-Germain.*

Ni ne kredas necese rekomendi al niaj legantoj tiun ĉi interesan kaj bone organizitan *Jarlibron*, kiun konstante publikigas firmo Hachette, el Parizo. Ĉiuj Esperantistoj devas ĝin havi por legi en ĝi la progresojn de nia movado, la nunajn adresojn de ĉiuj societojn grupoj, kaj sciigojn pri libroj, gazetoj, komercajoj, k. c.

*1910.—Esperantista Poŝkalendaro, eldonita de firmo Esperanto Verlag Möller & Borel. Berlin.*

Niaj legantoj konas jam tiun ĉi verkon, kies antaŭaj eldonoj ni jam laŭdis en tiu ĉi gazeto. Ni nur bezonas aldoni, ke la *Esperantista Poŝkalendaro* por 1910 estas tiel interesa kaj bele presita, kiel la antaŭaj, kaj ĝi estis multe plivastigita per novaj adresoj kaj utilsciigoj, kiuj faras el ĝi libreton necesan kaj akirindan. Ĝi nomas en siaj listoj 60 landojn, kun 1519 urboj kaj 1625 grupoj. La sciigoj estas eltiritaj el plej fidindaj elĉerpejoj (Oficiala Gazeto, Oficiala Jarlibro de la Universala Esperanta Asocio).

*Esperanto. Poŝkalendaro por 1910ª. Verkita kaj presita de J. H. Fred. Bristo Place, Edimburgh, Skotlando. Prezo: 25 sp. (Afrankite kontraŭ 3 respond kuponoj, internacie).*

Tiu ĉi bela kaj interesa poŝkalendaro, kiu rekomendas sin per sia malkareco kaj bona organizo, konsistas el la jenaj partoj. La Espero (himno), Revuo pri la jaro 1909ª, la Boulogne'a deklaracio, la Meka de la jaro 1910, U. E. A., Antaŭparolo, adresaro de la U. E. A., Esp. Institucioj, Esp. Firmoj, Esp. Hoteloj, Tabeloj de internacia monsistemo, dataro kaj spezoj.

*Elementos de gramática de la lengua internacional Esperanto, por Generoso Planells, Presidente del Grupo Esperantista de Utiel.*

La aŭtoro de tiu ĉi elementa gramatiko de Esperanto por hispanoj, celis nur prezenti lernolibreton enhavantan ĉiujn ĉefajn regulojn de nia lingvo, kun la afiksaro, ekzercojn kaj kelkajn interparoletojn. Li plej bone trafis la celon, ĉar la verko, malgraŭ sia tre malgranda amplekso, enhavas ĉiujn necesajn elementojn por la eklernado de Esperanto kaj ĝi estas redaktita klare kaj orde.

*Esperanta Biblioteko Internacia, eldonita de Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin S. W., Linden Strasse, 18-19.*

Tiu ĉi biblioteko enhavas facilajn legaĵojn de ĉiulandaj eminentaj Esperantistoj. Ĝi tial bonege taŭgas por ekzercado de la lingvo ĉu dum la grupaj kunvenoj, ĉu per privata legado. Ĝis nun aperis.

N.º 1.ª *Legolibreto*, de J. Borel.
N.º 2.ª *Fabeloj de Andersen*, tradukitaj el dana lingvo, de Fr. Skeel-Giörling.
N.º 3.ª *Bona Sinjorino*, novelo de E. Orzeszko, tradukita el pola lingvo de Kabe.
N.º 4.ª *Rusaj rakontoj*, de Mamin Sibirjak, tradukitaj el rusa lingvo de N. Kabanov.
N.º 5.ª *Don Kiĥoto en Barcelono* (5 ĉapitroj el Kiĥoto), tradukita el hispana lingvo de Fr. Pujulá y Vallés.
N.º 6.ª *El la Biblio*, tradukis D-ro L. L. Zamenhof.
N.º 7.ª *El Dramoj* (fragmentoj), tradukitaj el germana lingvo de D-ro L. L. Zamenhof.
N.º 8.ª *El Komedioj* (fragmentoj), esperantigitaj de D-ro L. L. Zamenhof.

Ĉiu libreto enhavas 40-50 paĝojn. Prezo po libreto: 0'10 Sm.; serio da 12 volumoj (afrankite) 1'25 Sm.

La entrepreno de la firmo Esperanto Verlag Möller & Borel, el Berlino, eldoni bibliotekon internacian, konsistantan el libretoj de interesaj internaciaj tekstoj, kiuj taŭgas por ekzercado de la lingvo kaj por disvastigo de la fremdaj literaturoj per Esperanto, ne povas esti pli bona kaj laŭdinda. La firmo Möller & Borel plej sukcese plenumis sian celon, ĉar ĝi eldonis jam la 8 unuajn volumojn, kies tekstoj verkitaj de tiaj eminentaj aŭtoroj kiel D-ro Zamenhof, Kabe, Kabanov, k. c., estas veraj esperantaj juveloj. Krom tio la prezo de la libretoj estas tiel malkarega kaj la presado tiel bele farita, ke estas neeble fari ion pli bonan. Ni varme rekomendas al ĉiuj Esperantistoj, kaj speciale al ĉiuj Grupoj, tiun ĉi interesan bibliotekon, esperante ke ĉiuj helpos al tiu grava entrepreno kaj tiel faros grandan servon al Esperanto.




### Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)

## KUNVENO DE ESPERANTISTAJ ŜAKLUDANTOJ DUM LA BARCELONA KONGRESO

La bedaŭrinda stato en kiu troviĝis la ekzistinta *ŝaksocieto* neebligis la organizon de oficiala ŝakludista kunveno dum la kongresaj tagoj en Barcelono.

Per helpo de kelkaj korespondaĵoj, kiujn mi interŝanĝis kun la iama Prezidanto de tiu Societo S-ro John Ellis, kun la Sekretario S-ro Muffang kaj S-ro Jozefo Paluzie,

aŭtoro de la unua ŝakverko esperante redaktita *Sesdek Ŝakproblemoj*, ni atingis kunveni nemultenombra rondeto la 10an de Septembro 1909 en la Barcelona Universitato kaj ĉi sube estas la rezultato de tiu kunveneto.

NOVEJARQUE (Anĝelo).

La ŝakludantoj, ĉeestantaj la Barcelonan Kongreson pritraktinte la ŝakajn aferojn kaj bedaŭrindan staton de la ekzistinta ŝaksocieto, kaj por la pli bona organizado de tiu Societo decidis:

1e Laŭeble, instigi la aŭtorojn de ŝakverkoj por ke ili publikigu iliajn librojn prefere tute redaktitaj en esperanta lingvo aŭ almenaŭ akompanataj de esperanta traduko anstataŭ alia lingvo kiel nun oni kutimas.

Okaze de tiu decido oni gratulis S-ron Paluzie pro lia ŝakverko *Sesdek Ŝakproblemoj*; la unua tute redaktita esperante.

2e La restarigon de Tutmonda Asocio de Ŝakludistoj kaj ĝiatempe publikigo de Ŝakrevuo tute redaktita en esperanta lingvo, organo de tiu Asocio kaj spegulo de la tutmonda Ŝakmovado. Ĝis tiu tempo la kunvenintoj danke akceptis la proponon de S-ro Novejarque (Anĝelo), kiu en la nomo de ĝia direktoro metis sub la disponon de la ŝakludistaro la kolonojn el la gazeto LA SUNO HISPANA por organizo de la Asocio de ŝakludistoj kaj publikigo de ŝakaj sciigoj. Oni dankis la direktoron de tiu gazeto S-ron Jiménez Loira.

3e *Alvoki* la tutmondajn ŝakludantojn por aniĝo kaj kunhelpo al la restarigo de tiu Asocio. Oni komisiis S-ron Ellis (John) por redakti la *Alvoko'n*.

4e Ke ĉiu, kiu deziras aliĝi al tiu ŝakasocio sendu sian nomon, aldonante ĉu li deziras esti aŭ ne komitatano de la provizora Asocia Komitato. Tuj, kiam estos ricevitaj la nomoj de almenaŭ 50 anoj estos tiuj publikigataj en LA SUNO HISPANA; kune kun la noto pri kiuj deziras esti komitatanoj. Tiu listo estos sendata al ĉiu ano por voĉdoni la provizoran komitaton, konsistonta el Prezidanto, Sekretario kaj du Konsilantoj. Nomita la unua Direkta Komitato, tiu starigos Regularon por la ŝaksocieto; tiu poste publikiĝos en LA SUNO HISPANA por ke ĉiu ano sciiĝu pri ĝi kaj esprimu sian opinion por plibonigi ĝin kiom plej eble.

Post la fina aprobo de la Regularo oni nomos la unuan plenan Direktantan Komitaton de la Ŝakasocio, kiu devige sekvos la Regularon kaj zorgos pri la disvolviĝo de la Ŝakasocio.

**Do, la tutmondaj geŝakludantoj estas petataj sendi tuj iliajn aliĝojn al tiu Ŝakasocio!!!**

*La Ŝakludantoj ĉeestintaj la Van Kongreson de Esperanto.*

Barcelono la 10an Septembro 1909-a.

## AL ŜAKLUDANTOJ

Jam de longe ŝakludantoj eksciis la evidentan utilecon de Esperanto por sia favorata amuzo. Kiam *Lingvo Internacia* estis la sola esperantista gazeto, aperis en ĝiaj kolonoj rubriko pri problemoj. Poste, la sama revuo publikigis artikolojn, kiuj enhavis la tutan ŝakterminaron, kaj specimenan ludnoton. En Aprilo 1905 *Espero Katolika* komencis serion de ŝaklecionoj al lernantoj por popularigi la ludadon, kaj por diskonigi la terminaron. Evidentiĝis, ke ekzistis granda intereso inter la Esperantistoj pri la ŝako kaj per la helpo de *Espero Katolika* oni aranĝis kunvenon dum la dua kongreso, kie oni fondis societon de ŝakludistoj, kies prezidanto estis la mortinta Abato Peltier. Al tiu pastro la Esperantistaro multe ŝuldas; li estis nelacigebla laboranto spite la insidaj atakoj de la malsano, kiu fine forportis lin; li estis la iniciatanto de la Societo suprenomita kaj atente flegis la novan societon meze de siaj

gravaj laboroj por divastigi Esperanton inter la Katolika pastraro kaj la Katolikaro. Li sindoneme oferis sin pro la Esperantismo, ĉar sen ia dubo la malfacilaĵoj, kiujn li renkontis en lia servado al nia kara lingvo akcelis lian trofruan morton. Li ripozu en paco!

Tiel longe kiel Abato Peltier vivis, la Societo floradis, sed bedaŭrinde ĝi tro dependis de unu persono. Kiam ĝi redaktis sian regularon ĝi ne rigardis sufiĉe antaŭen. Minacis ŝakmortigo post kvar iroj, kiun neniu antaŭvidis! Ĝi dankeme akceptis la proponon, ke *Espero Katolika* estu la oficiala organo de la Societo, ĉar en tiu tempo la gazetoj ne volonte enpresus ŝakrubrikon, kaj almozpetantoj ne havas elekton. Neniu antaŭvidis la baton de l' sorto, kiu morte frapegis la Societon; ni pensis ke Sinjoro Peltier estos la Redaktoro de la gazeto dum multaj venontaj jaroj, ke ĉio iros bone. La Societo do akceptis la regulon, ke la kotizo al la Societo estu la abonpago al *Espero Katolika*, kondiĉe ke la Direktoro de tiu gazeto (Sinjoro Peltier) rezervu duon-frankon el ĉiu abonpago por la kaso de la Societo.

La spertado montris ke la Societo ne estis fondita sur firma fundamento. Gazeto, kies ĉefa celo estas religia, ne havas ĝeneralan intereson, kaj la societanoj, trovante ke proksimume dekkvin-deksesonoj de la gazeto traktis pri religiaj aferoj iom post iom ĉesis aboni. Tiu ĉi sento aperis plej klare ĉe la Dresdena Kongreso, kie ĉeestis inter dudek ŝakludantoj nur unu-du anoj de la Societo. Por aliigi la aferstaton Sinjoro Muffang estis komisiata esplori, ĉu oni povas trovi ŝakgazeton, kiu enpresos rubrikon en Esperanto. Pro lia malsaneco Sinjoro Peltier estis devigita forlasi sian direktorecon de *Espero Katolika* kaj la nova redaktoro, trovante ke la ŝakludantoj ne plu abonis lian gazeton nature ĉesigis la ŝakrubrikon. Sinjoro Muffang ne trovis la serĉitan gazeton kaj la Societo ŝanceliĝis kaj falis, ne havante centran apogilon.

Jen la malgaja historio de l'unua Societo de Esperantistoj-ŝakludistoj.

Sed ĉu ne estas eble restarigi la Societon, aŭ konstrui novan Societon, kiu profitos de la lecionoj de l'estinteco?

Sendube, jes! Mi persone havas la nomojn kaj adresojn de cent ŝakludantaj Esperantistoj. Mi scias, ke ekzistas granda nombro da aliaj, kies adresojn mi ne havas. Ke nia afero progresas inter ŝakludantoj, la eldono de la kolekto de ŝakproblemoj de Sinjoro Paluzie estas aldonita pruvo, ĉar oni supozus, ke konata firmo kiel Filoj de Paluzie el Barcelono ne publikigas librojn se legantoj ne ekzistas. Mi kredas, ke multaj anoj aliĝos al Societo vivplena kaj utila kies sola celo estos la ŝakarto. Mi havas la permeson diri ke S-ro Anĝelo Novejarque, Tejedores, 34, Valencia, Hispanujo, kune kun S-ro Paluzie (Jozefo) la aŭtoro de la suprenomita kolekto de ŝakproblemoj kaj S-ro D-ro Puig (ŝakredaktoro de *Las Noticias* de Barcelono), volonte agos kiel organizanto de nova ŝaksocieto; ke LA SUNO HISPANA sindoneme promesis disvastigi la aferon, malfermante siajn paĝojn por ke la ŝakludantoj havu liberan diskutejon. Kun tia komenciĝo la afero baldaŭ ricevos definitivan formon, kaj mi alvokas al tiuj, kiuj ŝatas la ŝakludadon, ke ili komuniku al S-ro Novejarque siajn opiniojn kaj proponojn.

Mia propra opinio estas oni devas fondi tute novan ŝaksocieton kun malalta abono, dediĉota al la kaso de la Societo kaj ne al ĵurnalo; ke en ĉiu lando la Societo devas havi ageman sekretarion, kiu helpos al la ĝenerala organizanto, kaj mallonge raportos ĉiumonate pri interesaĵoj kaj samtempe diskonigos inter la Esperantistaro en sia lando la farojn de la Societo kaj eble kolektus la abonpagojn de siaj samlandanoj.

Sed la maŝino ne iros sen vaporo; estas tre grave ke la anoj estu vivaj kaj helpemaj.

Karaj samideanoj, la afero dependas de vi; ni, S-roj Novejarque, Paluzie, Puig kaj la Direktoro de tiu ĉi gazeto (kaj mi ankaŭ laŭ mia humila povo), estas pretaj por servi vin. Nur diru, ĉu vi deziras niajn servojn, ĉu vi aniĝos al la propo-

nata Societo, ĉu vi helpos nin. Superŝutu S-ron Novejarque per leteroj kaj ni penos laŭ nia eblo efektivigi kaj plenumi viajn dezirojn.

**John Ellis.** Keighley, Anglujo.

P. S. Ne forgesu la adreson: S-ro Novejarque (Anĝelo), Tejedores, 34, Valencia (Hispanujo).

---

Dum la antaŭenomita kunveno oni faris kelkajn proponojn; el kiuj ni citos por studo de la estonta komitato la jenajn:

—S-ro Paluzie proponis, kiel titolon de la Asocio la jenan:

**Ŝakluda Esperanta Tutmonda Asocio (Ŝ. E. T. A.)**

—S-ro Novejarque, ke post fondo de la Asocio ĝia komitato prenu sur sin la taskon redakti kaj aprobi plenan oficialan *Ŝakvortaron*, kiu poste povos esti prezentata al la Esperanta Akademio por ĝia oficiala definitiva aprobo. Post tiu aprobo publikigo de *Ŝaklernolibro* por la disvastigo de la ŝakludo kaj esperanta ŝakterminaro, kaj fine, kiel jam oni decidis, publikigo de *Ŝakrevuo*, kiu kronos la agadon de la Asocio.

*De via ŝakemo kaj helpo dependas la afero, karaj esperantistaj geŝakamantoj!!!*

---

Pro la tutmonda intereso, kiun havas la Ŝakluda afero, ni petegas la gazetojn, bonvolu, laŭeble, enpresi en iliajn paĝojn la antaŭajn Decidojn kaj Alvokon.

Antaŭdankon!!!



# Trimonataj Konkursoj de LA SUNO HISPANA

## Unua Kvaronjaro 1910

LA SUNO HISPANA inaŭguras hodiaŭ serion da *Trimonataj Konkursoj*, kiujn ĝi intencas regule proponi al siaj tutmondaj gelegantoj.

Jen la KONKURSO DE LA UNUA KVARONJARO 1910.



*KONDIĈOJ:*

1-a *Verki bonhumoran spritaĵon, kiu respondos al la apuda gravuraĵo.*

2-a Tiu spritaĵo devas subhavi pseŭdonimon (neniel nomon de la konkursanto).

La aŭtoro skribu sian nomon kaj plenan adreson sur apartan paperon kaj metu ĝin en koverton, sur kies ekstera flanko estas skribita la pseŭdonimo el la manuskripto.

3-a Tiu verkaĵeto devas havi ne pli ol trionpaĝo de LA SUNO HISPANA; estas rekomendinde la mallongeco.

4-ª Oni aljuĝos la premion al la plej originala spritaĵo, pli bone respondanta al la supra desegnaĵo, laŭ spriteco, lerteco, bonstilo kaj korekteco.

5-ª La premio konsistos el unu ekzemplero el la fama verko de la hispana monaĥo Ludoviko de Leon «La Perfekta Edzino», esperante tradukita.

6.ª La premiita spritaĵo estos publikigata en La Suno Hispana sub la supra bilaĵo.

La ceteraj ricevitaj verkaĵetoj publikigindaj, estos presataj en La Suno Hispana kun pseŭdonimo aŭ nomo de iliaj aŭtoroj, laŭ deziro de tiuj ĉi.

7.ª La manuskriptoj devas esti sendataj plej malfrue ĝis *la 31-ª de Marto de 1910* al la Redakcio de La Suno Hispana, Pintor López, 3, Valencia—(Hispanujo).

## Bedaŭrindaj eraroj

*Le Monde Esperantiste* kopias en ĝia Oktobra lasta numero, sub la titolo «La Gramatika Familio», kuriozaĵon, kiun ĝi elĉerpis, laŭ ĝi, el *Esperanta Instruisto.*

La vera fonto estas nia Maja lasta numero, kie aperis unuafoje en la esperantista gazetaro super la subskribo esperantisto 17.206, sen esti forgesinta, kiel niaj kolegoj, unu el la dek gefiloj, *La Pronomon.*

Alian fojon, ni vidis en *Eĥo Esperantista*, 12ª numero de 1907ª, subskribita de Esp. Profesoro Boucon-Annecy (Francujo) rakonton originale verkita de esperantisto 10.072, kiun ni estis publikiganta sur paĝo 82ª de Julia numero de 1906ª de nia gazeto, kaj ke esperantisto 10.072, ankaŭ antaŭ ol *Eĥo Esperantista*, enmetis sub numero LXXXVª en sia verko «Cent dek tri Humoraĵoj».

En sama verko sub numero I ni legis rakonton, kiun nun sub la titolo «Vi fajfos!, malnova rakonto, esperantigis Camilo Molina», enhavas Oktobra lasta numero de *La Simbolo.*

Plaĉas al la verkistoj, al la verkantoj kaj eĉ al ni, ke oni respektu nian patrecon, kaj ni petas ĝentile, ke oni zorgu pri la ne ripeto de tiaj nerimarkoj.

## Lamentables equivocaciones

*Le Monde Esperantiste* copia en su número de Octubre último, bajo el título «La Familia Gramatical», una ocurrencia que tomó, según él, de *Esperantista Instruisto.*

La verdadera fuente es nuestro número de Mayo último, donde apareció por primera vez en la prensa esperantista sobre la firma del esperantista 17.206, sin haber sido olvidado, como en nuestros colegas, uno de los diez hijos, *El Pronombre.*

Otra vez, vimos en *Eĥo Esperantista*, número 12 de 1907, suscrito por el Profesor de Esperanto Boucon-Annecy (Francia) un cuento original del esperantista 10.072, que nosotros habíamos publicado en la página 82 de Julio de 1906 de nuestra Revista, y que el esperantista 10.072, también antes que *Eĥo Esperantista*, había incluído con el número LXXXV en su obra «Cent dek tri Humoraĵoj».

En la misma obra con el número I, hemos leído un cuento, que ahora bajo el título «Tú pitarás!, antiguo cuento traducido al esperanto por Camilo Molina», inserta el número de Octubre último de *La Simbolo.*

Agrada á los escritores, á los que escriben y hasta á nosotros, que se respete nuestra paternidad, y atentamente pedimos, que no se repitan tales inadvertencias.

# SOLVOJ

De la *Rememoringa Skribo*, publikigita en la Oktobra numero:

| | |
|---|---|
| 1 | 9 |
| Dum 5-a-11-a Septembro de la jaro MCMIX okazis en la ĉefurbo Barcelono la *Kvina Kongreso* de la lingvo Internacia *Esperanto.* | |
| 0 | 9 |

La angulaj ciferoj esprimas la ĵaron de tiu Kongreso

*1909*

Por formi la *Akrostikon* oni devas ordigi la Skribon laŭ jena maniero:

Dum 5-a-11-a Septem**B**ro
de la j**A**ro MCMIX (1909)
okazis en la ĉefu**R**bo
Bar**C**elono
La Kvina Kongr**E**so
de **L**a
Lingv**O**
Inter**N**acia
Esperant**O**

# Spritludoj kaj Diversajoj

PENSO

«La plej bona kaj multvalora princo estas tiu, kiu sub sia regado, la tero estas pli fruktodona».—*Zoroastro.*



ANEKDOTO

*Pardonon!!!*

La fama komponisto Lulli aŭdis iam kanti en ia preĝejo romancon, de li verkitan por la Opera Teatro, kaj genufleksinte sin, li ekkriis malĝoje:

—Pardonon, Sinjoro! Mi ne faris ĝin por Vi!



SPRITAĴO

*Scivolema patrino.*

—Diru, mia filino, ĉu tiu junulo; kiu estis parolante kun vi dum la tuta vespero, fine sciigis vin pri liaj intencoj?

—Jes, patrineto.

—Dank' al Dio! Kion li diris al vi?

—Ke li pensas resti fraŭlo dum sia tuta vivo.

KURIOZAĴO

En la Muzeo de Louvre oni ne alkroĉas ian pentraĵon ĝis depost dek ĵaroj de la morto de ĝia aŭtoro.



UTILA KONINDAĴO

La malvarmumo malaperas aŭ almenaŭ iĝas malpli grava, englutinte la malsanulo kulerkvaronon da mielo tre varma.



LASTAJ VORTOJ DE FAMULOJ

*Donu al li ĉi tiun mononn, tial ke jam ne estas eble morti senpage en Atenas'o.*

(Foción, Atenas'a generalo petegante amikon ke li transdonu al karceristo la dekdu drakmojn, kiujn tiu postulis por dispremi la cikuton).

Tradukis esperanten, *Novejarque (Anĝelo).*

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11.—Valencia.